XII<sup></sup>a jaro. N° 184 (12) ☆ Monata ☆ 5 decembro 1915

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
Luksa eldono . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO

**Nuntempajoj:**
*La pacproblemo: Novaj vojoj,* H. Hodler.

**Socia Vivo:**
*Kant kaj la eterna paco,* Trad. A. Caumont.
*La ekonomia flanko de vegetarismo,* D. Niuwenhuis.
*La lando de ĉiama amuzado,* Ch. W. Ballard.
*La ekonomio de la militkaptitejoj,* D-ro A. Gradenwitz.

**Notoj.**

**Esperantismo:**
*Kroniko. — Tra la Gazetaro.*

**U. E. A.:**
*Oficiala informilo. — Novaj Delegitoj.*
*Kelkaj servoj de UEA.*
*Esperantia Parolejo. — Esperantia Vivo.*
*Alvokoj. — Esperantistaj militkaptitoj.*

**Aldono:**
*Tabelo de enhavo 1914—1915.*

NUNTEMPAĴOJ

## LA PACPROBLEMO

# NOVAJ VOJOJ

VI

Resumo de la antaŭaj artikoloj: Ekzameno de la vidpunkto, kiu dependigas la solvon de la pacproblemo el individua aŭ socia transformiĝo, religia, ekonomia, politika aŭ kultura. Tiu vidpunkto malatentas la veran karakteron de la pacproblemo, kiu ne estas morala aŭ ekonomia, sed politika kaj jura. — La pacifistaj proponoj. La arbitracio kiel ĝi estas ĝis nun proponita ne estas sufiĉa, ĉar mankas al ĝi la bazo de internacia pozitiva juro, t. e. komune akceptitaj jurprincipoj pri la interŝtataj rilatoj, kaj la necesaj trudrimedoj, t. e. internacia armeo. La respekto de la juro estas efiko de la ekzisto de trudforto. Ekzameno de kelkaj okazintaj konfliktoj. Diferenco inter pretekstoj kaj veraj kaŭzoj. Oni povas taksi la valoron de la arbitracia rimedo, nur se oni konsideras la konfliktojn laŭ ilia vera karaktero, ne laŭ la pretekstoj. — La principo de la popolrajto je memekzisto devas esti la jura bazo de la estonta ordo. Ĝia apliko postulas interŝtatan organizon. Profitoj kaj malprofitoj de la almilitoj. La almilitado estas grava faktoro de la internacia anarkio. Oni do devas ĝin forigi, ĉar ĝi kontraŭstaras la progresadon de ĉiuj nacioj, kiuj kune estos pli prosperaj ĉe internacia ordo, ol sub la nuna reĝimo.

La principon de la popolrajto je memekzisto oni devas ekzameni ne sole teorie, sed ankaŭ praktike. Multaj personoj volonte konfesas, ke ĝi estas teorie pravigebla kaj eĉ dezirinda; ili tamen dubas, ĉu ĝi estas sisteme aplikebla en ĉiuj okazoj.

Ni jam difinis, ke allasebla ĝi estas nur koncerne civilizitaj popoloj, kiuj sen ia ajn malutilo por la interesoj de la homaro, povas esti konsiderataj kiel egalaj antaŭ la juro. La necesecon de tia limigo, en la nuna stato de nia civilizacio, neniu ja kontestos. Sed tiu principo devas esti pli komplete formulata, se oni volas havi ĝustan ideon pri ĝiaj politikaj konsekvencoj: Ekzistas pluraj landoj, kie, ĉe la sama regiono, kunvivas diversgentaj loĝantoj en tia intermikso, ke estas preskaŭ neeble ilin apartigi teritorie. Se ili estus demandataj pri sia aparteneco, ili verŝajne ne esprimus unuaniman deziron. Ekzistus plimulto kaj malplimulto; tiu ĉi lasta devus submetiĝi je la decido aŭ foriri, ĉar sama neapartigebla regiono evidente ne povas havi plurajn registarojn. Sed la principo de la popolrajto, kiu bazas sur la supera ideo de la jura egaleco de ĉiuj civilizitaj popoloj, estus malrespektata, se, el sia pliforteco ĉe la voĉdonado, la plimulto arogus al si la rajton subpremi la malplimulton, fari por ĝi esceptajn leĝojn kaj nome trudi al ĝi regulojn kontraŭajn je ĝia genta sento kaj indeco. Sekvas el tio, ke la rajtoj de la gentoj, kiuj interne de difinita teritorio, reprezentas la malplimulton devas esti garantiataj kontraŭ ĉia subpremado aŭ arbitro de la plimulto. Tiu garantio povas rezulti nur el internacia pozitiva juro, kiu fiksos por ĉiuj landoj la rajtojn de la gentoj[1] laŭ la principo de egaleco, bazo de la tuta sistemo. Laŭ tio, oni konstatas, ke la formulota internacia juro devas prikonsideri ne sole la rilatojn inter la ŝtatoj, sed ankaŭ la internajn aferojn de la ŝtato pri la demandoj, kiuj koncernas la juran staton de la gentoj en ĝi vivantaj: nova necesa limigo je la suvereneco de la ŝtatoj, kiu estas la fundamento de la nuna regnosistemo.

La demandoj pri apliko naskas kelkajn aliajn malfacilaĵojn, ĉu principajn, ĉu praktikajn, ekzemple: Kiel konsultadi la

[1] Ni rememorigas, ke ni nomas gento popolgrupiĝon karakterizatan per komuneco de lingvo kaj kulturo.

interesatan popolon pri ĝia aparteneco? Se oni decidas ĝeneralan voĉdonadon (plebisciton), kiuj estos la voĉdonrajtaj loĝantoj? Kiel oni certigos la sincerecon kaj nepridisputeblecon de la plebiscito? Ĉu la rezultaton oni fiksos po ĉiu regiono (provinco, distrikto, k. t. p.) pli-malpli arbitre difinata, aŭ pri la tuta kontestata teritorio konsiderata kiel nedividebla unuo? Kiu decidos tiun voĉdonadon kaj ĉe kiaj cirkonstancoj? Ĉiuj tiuj demandoj estas gravaj, sed nesolveblaj ili certe ne estas. Kiam estos realigita la transformo de la ideoj, el kiu rezultos la alpreno de tiu principo, troviĝos la teknikaj rimedoj por ĝin enkonduki en la uzadon. Sed ĉiuokaze la solvado de tiuj demandoj ne povas esti lasata je la iniciato de la apartaj ŝtatoj, kiuj estus ĉiam inklinaj decidi laŭ sia pure nacia intereso; ĝi devas esti la tasko de la kreota internacia leĝopovo reprezentanta la asocion de la civilizitaj nacioj. Oni do atingas la konkludon, ke *politika unuiĝo* inter la ŝtatoj estas la necesa *kondiĉo* por la praktika formuliĝo kaj realiĝo de la popolrajto je memekzisto. La gentaj demandoj ne estas solveblaj sub la nun reganta reĝimo de la internacia anarkio, kiom ajn da sango estos versata. Solvitaj ili estos nur kiam ĉiu popolo rajtos fiksi sian apartenecon konforme al siaj kolektivaj aspiroj kaj kiam estos malaperintaj ĉiuj arbitrajoj rezultantaj el la kunekzisto de regantaj kaj regataj gentoj, el kio devenas la pli granda parto de niaj militoj. Duobla necesaĵo sin trudas por atingi tiun celon: starigi internacian ordon, t. e. krei politikan unuiĝon inter la ŝtatoj (federacio), interkonsenti pri jurprincipoj tiaj, ke ĉiuj ŝtatoj estu fondataj sur la konsento de iliaj anoj, ne plu sur la perforto de la armiloj. Kiam tiuj principoj fariĝos realaĵo, anstataŭ reprezenti teorian deziresprimon, la homaro estos efektiviginta unu el la plej gravaj politikaj transformoj, kiuj iam okazis. La teritoriaj demandoj kiuj vane disfluigis tiom da sango, estos solveblaj per leĝa procedo, kun minimuma perdo de energio. Tiam, tiuj regnestroj, tiuj ŝtatistoj, tiuj eminentuloj, kiuj ĉiam konsideris kiel plej altan taskon aneksi teritoriojn perforte, konsiderante iliajn enloĝantojn kiel senaniman komercaĵon, estos rigardataj kiel la veraj subtenantoj de la internacia anarkio kaj plej grandaj malhelpintoj de la homara progreso.

* * *

La apliko de la popolrajto je memekzisto rezultigas, ke la ŝtataj landolimoj estu ŝanĝeblaj laŭ la deziro de la interesataj landanoj. Ĝi ankaŭ ebligas la formiĝon de novaj nacioj sin apartigintaj el ekzistantaj regnoj.

Tiu principo kontraŭstaras je alia propono de kelkaj pacifistoj, kiuj dezirus, ke la ekzistantaj ŝtatoj reciproke garantiu al si la nevarieblecon de siaj limoj tiaj, kiaj ili estas je la subskribo de la koncerna konvencio, kaj malpermesu al si ĉian teritorian pretendon rilate al la kontraktintaj nacioj.

Ni unue rimarku, ke, tiel longe ĝis la internacia juro ne havos sankcion, tia konvencio havos nenian alian garantion, ol tiun, kiu rezultas el la respekto de la ŝtatoj je la kontraktoj. La historio montras, ke ĉiutempe tiu pure morala garantio ne sufiĉis. Ĉu pro interna revolucio, ĉu pro neantaŭvideblaj cirkonstancoj, ŝtato povas senti sin devigata agi malkonforme al la traktatoj de ĝi subskribitaj. Tiu ŝtato ne estos necese trompema kaj malinda. Povas esti, ke la cirkonstancoj estas tiaj, ke malfacile ĝi povas agi alie. Tia estus la okazo, se loĝantaro $x$ interne de la ŝtato A ribelus por sin aligi al la ŝtato B, kiu alvokite de la aliĝema popolo okupus ĝian teritorion — kio estus kontraŭa je la jurprincipo de la reciproka garantio de la landlimoj. En ĉi tiu ekzemplo, la aliaj kontraktintaj ŝtatoj devus aŭ rezignacii je la malrespekto de la juro, kiu tiam perdus ĉian imponon, aŭ militiste enmiksiĝi por trudi la formalan juron, t. e., ĉe la donita ekzemplo, devigi la ŝtaton B evakui la teritorion $x$, kiu restus parto de la ŝtato A, escepte se tiu ĉi memvole rezignas ĝin. Tiu ĉi lasta solvo estus ja konforma je la konvencio pri reciproka garantio de la landlimoj, kaj, se ekzistas internacia armeo, ĝi certe povus esti perforte trudata dum certa tempo, sed tute ne eliminita estus la kaŭzo mem de la agitado, nome la apartiĝemaj aspiroj de la popolo $x$ interne de la ŝtato A. La malplimulto, kies memstaremaj sentoj estus subpremataj, tamen persistus je sia vidpunkto, penante influi la publikan opinion en la aliaj landoj kaj uzi ĉiujn okazojn por elmontradi sian deziron. El tio rezultus politika streĉostato, malutila je la internacia paco, tiom pli ke la ŝtato B certe favorus tiun disiĝeman movadon. Fine, oni tamen devus solvi la malkonsenton, kaj ĉar efika solvo necese estus kontraŭ la *statu quo*, ĝi estus ankaŭ kontraŭ la formala juro kaj havus tute arbitran karakteron.

La formala juro nek devas, nek povas kontraŭstari je la vivo; ĝi ne haltigu tion, kio laŭnature estas moviĝema kaj ŝanĝema; ĝi nur reguligu tion, kio laŭ la vivspertoj montriĝas reguligebla. La historio instruas al ni, ke kontraŭ la firma volo de popolo je memekzisto, la *statu quo*, eĉ apogata de la armiloj, estas nur rimedaĉo. Ĝi ne sole ne forigas la malfacilaĵojn, sed male ilin pliakrigas kaj plivastigas, ĉar ĉia agitado pri difinita celaĵo tendencas etendiĝi je aliaj objektoj kaj sekve naski pluajn malkonsentojn. Alkatenigi popolon je alia popolo, eĉ se tio estas konforma al la pozitiva juro, estas malutila je la juro mem, ĉar tiu ĉi aperas maljusta kaj sekve perdas la respekton al ĝi ŝuldatan, kiu estas grava elemento de ĝia potenco.

Aliparte, ŝajnas nekonforme al la vivleĝoj eternigi landlimojn, kiuj estas la rezultato de historiaj hazardoj, kiuj ne povas por ĉiam ligi la homajn generaciojn. Krom tio, ke ili ofte estas tute neraciaj, multaj landlimoj estas fiksitaj en maniero plene kontraŭa je la sentoj kaj interesoj de la popoloj. Se la kreota internacia juro konstantigus tian staton, ĝi frue aŭ malfrue estus malaprobata de la publika opinio, kaj ĉar ĝi ne respondus je la komuna sento pri justeco, la vivnecesaĵoj baldaŭ trudus ĝian modifon post multaj disputoj kaj rezistoj de la ŝtatoj, kiujn la ŝanĝo malfavorus.

Al tio oni verdire povas respondi, ke la teritoriaj demandoj estos multe pli malgravaj kiam interne de ĉiu ŝtato la diversaj gentoj havos egalajn politikajn rajtojn kaj ĝuos egalan juran traktadon. Ke tiu opinio estas parte prava, ni tute ne neas. Sed, tamen, ŝajnas al ni, ke malgraŭ la efektiva egaleco de la gentoj interne de la regnoj, dum longa tempo restos inter la ŝtatoj sufiĉaj diferencoj, politikaj, juraj kaj kulturaj, por ke al la homoj ne estu indiferente aparteni al ĉi tiu aŭ al tiu. Krom tio, por la disvolviĝo de nia civilizacio, ŝajnas nedezirinde, ke la nacioj evoluu al unuforma tipo. Estas je la intereso de la homaro, ke ĉiu nacio konservu certan originalecon, kies manifestiĝoj fruktodone efikos je la komunaj progresoj de l' mondo, kiuj rezultas el la spertoj de ĉiuj popoloj. La kompreno de la rajtoj kaj devoj de la regnanoj, la politikaj kaj sociaj institucioj, la organizprocedoj, estas elementoj de tiu originaleco. La estonta internacia ordo ne malfortigos kaj malgravigos la naciojn; sed pli vere ĝi ebligos ilian pacan disvolviĝon je la servado de la homaro. Ĝia formulo estas *harmonio*, ne unuformeco. Ni kredas, ke eĉ post la forigo de la interŝtata anarkio, la rolo de la nacioj restos grandega; la popoloj, konsciaj je sia unueco, plej bone kunlaboros je la pliriĉigo de nia civilizacio restante grupigitaj laŭ nacioj, kondiĉe ke ĉi tiuj reprezentu liberan asociiĝon de homoj kunigitaj de samaj sentoj. La ideo pri la reciproka garantio de la landlimoj, t. e. la konstanta restigo de la teritoria *statu quo*, ne estas akordigebla kun firma internacia ordo, ĉar tiu principo preterlasas la ĉefan kaŭzon de la militoj, nome la malrespekton de la popolrajto je memekzisto.

Alia kritiko povus esti formulata. La konsultado de la popoloj pri ilia aparteneco ja kontentigus ilin, ĉar dank' al tiu procedo ili povus senmilite realigi siajn aspirojn, sed ĝi vekus gravan malkontentecon ĉe la nacio, kiu kredus suferi domaĝon pro perdo de landparto.

Tiu kontraŭdiro ne estas allasinda. Efektive, la principo de la popolrajto devas esti fiksata per la internacia juro. Tiu lasta estas starigebla nur se la nacioj memvole akceptas ĝiajn fundamentajn principojn, kaj estas pretaj konformigi sian politikon je ili. Tiel longe ĝis ĉiuj civilizitaj nacioj ne estos konvinkitaj pri la neceseco lasi al ĉiu popolo la liberan elekton de ĝia destino, vera internacia ordo ne estos fondebla. Ni ripetas, ke ĉian transformiĝon de la interŝtataj rilatoj devas antaŭiri ŝanĝo de niaj politikaj ideoj. Estas do konjekteble, ke, en la supre donita hipotezo, la popolo de la ŝtato, el kiu estus elprenata teritorio post voĉdonado de ĝiaj enlandanoj, sen grava agitado rezignacius je tiu fakto. Jam nuntempe tio okazus se la demando ne estus malklarigata pro la enmiksiĝo de aliaj elementoj politikaj, militistaj, ekonomiaj, propraj je la reĝimo de interŝtata anarkio.

Kvankam ekzistas ofta konfuzo pri tio, oni sin gardu identigi la principon de la popolrajto je memekzisto kun la tiel nomata gentoprincipo (principo de la naciecoj). Sub la esprimo popolrajto, ni esprimas la rajton por ĉiu homgrupiĝo loĝanta en difinita teritorio, konsiderata kiel nedividebla, aliĝi al tia ŝtato, kia plaĉas al ĝi, aŭ mem formi propran ŝtaton, se tio ne kontraŭstaras je la interesoj de la kunigitaj nacioj. La principo de la gentoj (naciecoj) esti interpretebla dumaniere, laŭ la senco, kiun oni difinas por la vorto gento (nacieco). Jen ĝi enhavas tiun saman signifon, kiun esprimas la ideo pri popolrajto je memekzisto. Jen, ĝi signifas, ke ĉiuj homoj de la sama gento, t. e. parolantaj saman lingvon, havantan saman kulturon kaj samajn morojn, estu kunigitaj en unu sama ŝtato. Tiu ĉi do ne rezultus necese el memvola asociiĝo de homoj, sed el certaj sociaj faktoj, inter aliaj la lingvo, kiu starigas la plej netan diferencigon inter la homoj. Praktike, ambaŭ interpretoj alkondukus ofte je sama rezultato, sed ne ĉiuokaze. Ekzistas ja pluraj ŝtatoj, interne de kiuj pace kunvivas diversgentaj popoloj firme alligataj je la komuna patrujo kaj ne dezirantaj aparte ekzistadi. Popoloj de diversaj lingvoj kaj kulturoj povas esti unuigataj per ligiloj alispecaj, sed egale respektindaj: la komuneco de dinastio, dank' al kies kontinua agado heterogenaj popoloj travivis saman historion, partoprenis samajn ĝojojn kaj suferojn — la komuneco de politika idealo ellaborita el la samaj vivspertoj — la intencoj de la naturo mem, kiu ŝajnas esti desegninta tiel precizajn landlimojn, ke malgraŭ la diferencoj lingvaj, rasaj, religiaj, la popoloj ne povis vivi apartigite. Estus barbare diserigi regnojn, kies anoj deziras formi unu-nuran popolon. Tiaj plurgentaj ŝtatoj fariĝas kaŭzo de internacia malordo, nur se, favorante kelkajn gentojn kaj subpremante aliajn, ili fakte ĉesas esti patrujo por ĉiuj. Sed kiam, per egala traktado de ĉiuj gentoj, tiuj regnoj kunigas la simpation kaj sindonemon de ĉiuj siaj filoj, ili bonfare influas pro sia nura ekzistado, ĉar ili pruvas la eblecon kunigi diverslingvajn kaj diverskulturajn popolojn sub komuna registaro reguliganta ilian pacan kunlaboradon. La tiel formita ŝtato estas kvazaŭ bildo de la estonta federita homaro, kiu estus taksebla je utopio, se ĝuste tiaj ŝtatoj ne montrus ĝian eblecon.

Utile do estas, ke flanke de la unugentaj regnoj ekzistu plurgentaj regnoj. Tiu fakto estas cetere neevitebla, ĉar ĉe kelkaj Eŭropaj regionoj, speciale en la oriento, la diversgentaj popoloj estas tiel intermiksite grupigitaj, ke neeble estas fari teritorian dispartigon de ĉiuj akcepteblan.

Oni nun multe parolas pri la gentoprincipo, kiu jam estis la ĉefa politika priokupo dum la dua parto de la antaŭa jarcento. Reorganizo de Eŭropo sur la bazo de tiu principo estas konsiderata de multaj ŝtatistoj kiel la sola rimedo por certigi daŭran pacon. Se tio signifas, ke oni reorganizos Eŭropon demandante la popolojn, oni nur povas aprobi tian deklaron, sed oni ne forgesu, ke justa apliko de tiu principo supozigas la antaŭan realigon de unu necesa kondiĉo: organizita ŝtatligo (federacio), kun la necesaj organoj por leĝofarado, leĝoplenumado kaj juĝado. Ni gardu nin kredi, ke, sen interŝtata organizo, tia jurprincipo povas gvidi la politikon de sendependaj kaj suverenaj ŝtatoj. La historio montras, ke regnoj formitaj konforme al la principo de la naciecoj rezignas tiun saman principon kaj rifuzas ĝin apliki al aliaj popoloj, kiam iliaj supozataj interesoj tion postulas.

Interŝtata organizo sur la fundamento de la teritoria *statu quo* ne estas vivipova. Apliki la principon de la popolrajto estas eble, nur se ekzistas interŝtata organizo. Internacia ordo estas do sinonimo al *interŝtata organizo sur la bazo de la popolrajto de memekzisto.*

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*

---

De la reapero de nia gazeto post la milito la artikoloj aperantaj en la rubrikoj *„Socia vivo"* kaj *„Notoj"* estis dediĉitaj al militaktualaĵoj: militaj helpinstitucioj kaj organizaĵoj, pripacaj manifestadoj, k. t. p. Ni de nun rekomencos aperigi en tiuj rubrikoj artikolojn pri temoj de ĝenerala intereso, ne speciale rilatantaj al militaferoj.

 SOCIA VIVO 

## Kant kaj la eterna paco

Nia samideano, S-ro P-ro A. Caumont, el Lausanne, la lerta tradukinto de „For la armilojn!" de Baronino Suttner, jus finis la tradukon de la fama verko de la filozofo Kant pri la „Eterna Paco". Ni estas feliĉaj, ke ni povas enpresi mallongan eltiraĵon de tiu verko, kiu, kvankam skribita en 1795, havas tute nuntempan intereson.

*La popolrajto estu fondata sur federacio de liberaj ŝtatoj*

... Kiam ni kun profunda malestimo rigardas la alligitecon de la sovaĝuloj al ilia senleĝa libereco, kiuj plivole interbatalas ol sin submetas al leĝa, de si mem starigita devigo, do preferas la frenezan liberecon ol la saĝan, ni tion rigardas kiel krudecon, malklerecon kaj brutan malnobligon de la homa naturo; ni do devus supozi, ke civilizitaj popoloj (ĉiu el ili unuiĝinta en ŝtato) rapidus eliĝi kiel eble plej baldaŭ el tia malbonega stato. Sed anstataŭ tion fari, ĉiu *ŝtato* kontraŭe opinias, ke ĝia majesteco konsistas el tio, ke ĝi ne estu submetita al ia leĝa devigo, kaj la brilo de ĝia ĉefo en tio, ke multaj miloj da regatoj estu en lia servo sen ia danĝero por li mem, kaj sin oferu por afero, kiu ilin ne koncernas. Nu, la diferenco inter la eŭropaj sovaĝuloj kaj la amerikanaj ĉefe konsistas el tio, ke, dum multaj triboj de la lastaj estis formanĝitaj de iliaj malamikoj, la unuaj pli bone scias uzi siajn venkitojn ol ilin formanĝi; ili prefere per ili plimultigas la nombron de siaj regatoj, do la nombron de siaj iloj por ankoraŭ pli vastaj militoj.

Konsiderante la malbonecon de la homa naturo, kiu klare montriĝas en la interpopolaj rilatoj (en la civitleĝa stato, ĝi estas treege vualita per la devigo de l' registaro), oni devas miri, ke la vorto *rajto* ne tute malaperis el la

milita politiko kiel pedanta, kaj ke neniu ŝtato ĝis nun kuraĝis publike konfesi tiun opinion. Por rajtigi militatakon, ni ankoraŭ konfideme citas la aŭtorojn Hugo Grotius, Puffendorf, Vattel k. t. p. (ĉiuj nur malbonaj konsolantoj), kvankam ilia kodo, ĉu filozofie aŭ diplomatie redaktita, ne havas la plej malgrandan leĝpovon, nek kapablas tion havi (ĉar ŝtatoj, kiel tiaj, ne estas submetitaj al komuna ekstera devigo); nu, ne ekzistas ekzemplo, ke ŝtato iam estis instigita per la argumentoj de verkistoj tiom famaj, rezigni sian intencon. — Tiu komplimento, kiun ĉiu ŝtato faras al la ideo de rajto (almenaŭ vorte) ja pruvas, ke ekzistas en la homo pli alta, kvankam ankoraŭ dormanta morala kapablo por fine venki en li la malbonan principon (kiun li ne povas nei), kaj esperi la samon de aliaj; sen tio la vorto rajto neniam estus dirita de la ŝtatoj, kiuj intencas interbatali, se ne por ĝin moki, kiel faris tiu galika princo dirante: „La privilegio, kiun la naturo havigis al la pli forta rilate al la pli malforta estas, ke tiu ĉi devas obei al li.“

Por pravigi sian rajton la ŝtatoj ne povas fari proceson, antaŭ ekstera tribunalo, sed nur la militon; sed tiu ĉi kaj ĝia favora rezultato, la *venko*, ne certigas la rajton; plie per la *packontrakto* nur la momenta milito, sed ne la militstato estas ĉesigata, ĉar ili ĉiam estas pretaj trovi novan militpretekston, kiun oni ne povas konsideri nepre maljusta, ĉar en tia senleĝa stato ĉiu estas juĝanto en sia propra afero. Oni eĉ ne povas postuli de la ŝtatoj, ke „ili eliĝu el tia stato“, ĉar kiel ŝtatoj ili jam posedas juran konstitucion kaj sekve ne povas esti devigataj de aliaj alpreni pli larĝan leĝan organizon. Tamen la racio el la trono de la plej alta morale leĝdonanta potenco nepre kondamnas la militon kaj ordonas la pacstaton kiel devon. Ĉar tia pacstato ne povas esti fondata aŭ certigata sen kontrakto de la popoloj inter si, sekve devas ekzisti *ligo* specialspeca, kiun oni povas nomi *pacligo* (foedus pacificum), kiu diferenciĝus de la *packontrakto* (pactum pacis) per tio, ke tiu ĉi ĉesigus nur *unu* militon, la alia ĉiujn militojn por ĉiam. Tia pacligo ne celas la akiron de nova potenco de l' ŝtato, sed nur la konservon kaj certigon de la *libereco* de ŝtato por si mem kaj samtempe por aliaj kunligitaj ŝtatoj, ne postulante, ke ili pro tio (kiel homoj en naturstato) sin devige submetu al publikaj leĝoj. — La efektivigebleco de tiu ĉi ideo de *federacio*, iom post iom ampleksonta ĉiujn ŝtatojn kaj tiamaniere realigonta la eternan pacon, estas klarigebla. Se bonŝanco permesus, ke potenca kaj klera popolo starigu respublikon (kiu nature devas esti inklina al eterna paco), tiu ĉi fariĝus centro de federacia ligo por aliaj ŝtatoj, kiuj aliĝos. Tiamaniere estus certigita la libereco de la ŝtatoj laŭ la ideo de l' popolrajto, kaj per pli da tiuspecaj aliĝoj la federacio pli kaj pli vastiĝus.

Ke popolo diras al aliaj popoloj: „Ne estu milito inter ni; ĉar ni volas fondi ŝtaton, t. e. starigi inter ni plejsuperan leĝdonan, regan kaj juran potencon por interpacigi niajn malkonsentojn“ — tio estas komprenebla. — Sed se tiu ŝtato nur dirus: „Ne estu milito inter mi kaj aliaj ŝtatoj, kvankam mi rekonas nenian plejsuperan leĝdonan potencon por certigi niajn reciprokajn rajtojn“ — oni ne komprenas, sur kion mi intencas apogi mian konfidon je mia rajto, se ne sur la surogaton de l' civita socia ligo, nome la libera federacio, kiun oni devas racie kunigi kun la ideo de l' popolrajto.

Ne estas eble, kunligi kun la ideo de popolrajto la ideon de l' rajto *fari militon*, ĉar laŭdire ĝi estus rajto perforte difini la rajton, ne laŭ ĝeneralaj akceptitaj leĝoj, limigantaj la liberecon de ĉiu apartulo, sed laŭ unuflankaj maksimoj, t. e. per la forto. Escepte se oni opinias, ke homoj tiel sentantaj plene meritas, ke ili sin reciproke interekstermas kaj tiamaniere trovas la eternan pacon en la vasta tombo, kiu kovras ĉiujn abomenaĵojn de la perforto kune kun iliaj kaŭzintoj.

Por regnoj en reciproka rilato ne povas racie ekzisti alia rimedo, eliĝi el la senleĝa stato, el kiu naskiĝas milito, ol, kiel faras la individuoj, rezigni sian sovaĝan liberecon, konsenti publikajn devigleĝojn kaj tiamaniere starigi popolŝtaton (civitas gentium) ĉiam kreskontan kaj fine ampleksontan ĉiujn popolojn de l' mondo.

Trad.: *A. Caumont* (Lausanne).

---

## La ekonomia flanko de l' vegetarismo

La vegetarismo rilatas al tri grandaj demandoj: 1. la higieno, 2. la humaneco, 3. la politika ekonomio.

La higienan flankon mi ne konsideras la plej grava. Multaj personoj provis vegetaran dieton, ĉar ilia sano ne estis tre kontentiga. Mi ne apartenas al tiu kategorio. Mi ĝuadis per vianda manĝado bonegan sanon, sed mia nutromaniero estis simpla kaj modera; mi opinias, ke kun la sobreco ĉiu nutromaniero bonfartigas. Oni devas nenion troigi kaj, laŭ mia konvinko, oni povas farti bone per kunvianda manĝado same kiel per senvianda. La eksceso malutilas ĉe kia ajn nutromaniero, kaj ĉiu devas atenti, kie komenciĝas la malmodereco.

Ne la higieno min vegetarigis. La etika aŭ humaneca flanko superis en mi ĉion alian. Sed la ekonomia flanko ankaŭ senĉese interesis min, ĉar mi demandis min, ĉu pro la plikresko de la loĝantaro la tero povos ĉiam nutri la tutan homaron.

Ni scias, ke la plimulto de niaj samspeculoj estas vegetaranoj pro neceso, sed supozu, ke ĉiu domo deziros havi sian porcion da viando, ĉu la tero povos ĝin liveri al li? Mi tion ne kredas; laŭ mia konvinko, male, oni estos devigata trovi alian rimedon por kontentigi la bezonojn de ĉiuj. La homaro estos devigata forlasi sistemon elsuĉantan la teron kondukantan iam al terura nutromanko. Tial la ekonomia flanko de la problemo ĉiam altiras mian atenton.

Estas interese konstati, ke la fama ekonomiisto A. Smith, alnomita la „patro de l' politika ekonomio“, diris en unu el siaj verkoj: „estas tre dube, ke la viando povus esti en kia ajn lando necesa nutraĵo“. Li konsideras la viandon, la bieron kaj la alkoholajn trinkaĵojn kiel objektojn de lukso, kaj diras, ke la pano, la fruktoj kaj aliaj vegetaĵaj nutraĵoj kun la lakto, la fromaĝo kaj la butero estas la pli bonaj kaj la pli nutraj manĝaĵoj.

Li aldonas, ke dum multaloke la civilizeco postulas surporti ĉemizon aŭ ŝuojn, neniel ĝi postulas manĝi viandon. Smith estas granda defendanto de la terpomoj. Li asertas, ke la viroj la plej fortikaj, la virinoj la plej belaj troviĝas inter la multmanĝantoj de terpomoj. Nu, tiu ĉi nutraĵo estas abunda kaj malmultekosta.

Alia amerika ekonomiisto diras, ke de la vidpunkto ekonomia same, kiel de la vidpunkto ĝenerala, la transiro de la vianda dieto al la miksa kaj de la miksa al la vegetara estas necesaĵo, konsiderota, kiel progreso en la vera senco de l' vorto. Se la ekonomia estonteco de l' societo estas serĉata en tiu ĉi natura vojo de l' disvolviĝo de la civilizacio, la teorio de Malthus pri la loĝantaro kun siaj sekvoj tre pereigaj en la praktiko, eksmodiĝos kaj estos venkita.

La ekonomia teorio havas grandan signifon, ĉar, sendube, la homaro devas vivi serion da centjaroj multe pli grandan ol ĝi estis vivinta ĝis nun. Ĉiuj demandoj interimplikiĝas; jen kial la ekonomia demando ne estas tiom simpla, kiom iuj ĝin opinias. Male, ĝi estas tre komplika.

Sen la viandomanĝado la terkulturo aspektus tute alie. Imagu mondon, el kiu estus malaperinta la viando, la tabako, la alkoholaĵoj, la kafo, la teo, la lakto, la spicoj! Kia grandega revolucio tra la tuta mondo! Pasu tra niaj urboj kaj komparu, kio ili estus sen ĉiuj magazenoj en kiuj oni vendas la suprenomitajn objektojn, sen la kafejoj kaj drinkejoj.

* * *

Dividante la politikan ekonomion je tri partoj: 1. la produktado, 2. la konsumado, 3. la distribuado — oni devas konfesi, ke ĉiu el la tri partoj estas serioze kritikinda, kaj oni sin demandas, ĉu la konsumado estas reguligata laŭracie.

Eĉ la nevegetaranoj konsentos, ke ekzistos grandega malŝparado tute ne aprobinda.

Kiam la fama A. von Humboldt asertas, ke almenaŭ dek personoj fruktomanĝantaj povas vivi sur la sama terareo, sur kiu vivas unu sola karnomanĝulo — oni konkludas el tio, ke la tero povas nutri dekfoje pli da vegetaranoj ol ceteraj. Ĝi estas ankoraŭ pli vera en la fruktodonaj landoj, kie la vegetaĵaro estas pli intensa. Oni diras al ni, ke la sola valo de Orinoko en Ameriko povas liveri la rimedojn de ekzistado al la tuta homa raso. Surfaco je 100 kvadrataj metroj, surplantita de 100 bananarboj donas laŭ Humboldt pli ol 2000 kilogramoj da nutrelementoj, la kvanto da nutroelementoj estas 133-foje pli granda, se oni komparas kun kampo de tritiko kaj 44-foje, komparante kun kampo de terpomoj. Do, karnomanĝulo bezonas almenaŭ dekfoje pli da tero, ol grenmanĝuloj, sed en certaj kondiĉoj la viandmanĝanto havas ankoraŭ pli da malprofito.

Darwin, demandite, kion li opiniis pri la vegetara demando, saĝe respondis: „La demando pri la vegetara nutrado ne restas malatentita de mi. La sola pruvo, tamen, kiu laŭ mia opinio, havus veran valoron, estus kompara statistiko de laboro, farata de loĝantoj en tiu aŭ alia lando, kie la nutrado diferencas. Min ĉiam mirigis la fakto, ke la ministoj en Ĉilio, havantaj la plej penigan laboron, sin nutras ekskluzive de vegetaĵoj. Sed male, la Gauchos, ankaŭ multe laborantaj, sin nutras preskaŭ ekskluzive de viando."

*(Daŭrigota.)* *Domela Niuwenhuis*, Hilversum.
Trad.: *A. Ŝarapov*, Ĝenevo.

---

## La lando de ĉiama amuzado

Eble nenie aliloke la homo, kiun la sorto devigas perlabori vivrimedon, laboradas dum tiaj nemultaj horoj kiel en Aŭstralio. Laŭ la leĝo de la tuta lando oni difinas la ordinarajn horojn de laboro po 48 en semajno. Se iu estro dezirus, ke liaj metiistoj plue laboru, li devus pagi al ili pligrandigitan salajron, ĝis eĉ duoblo. La labora tempo estas tiel aranĝita, ke ĉie la laboristo ĉiam ĉesigas sian ĉiusemajnan laboron je sabato meztage. Plie, iaj laboristoj, ekzemple laktovendistoj, ricevas en ĉiu semajno du duontagojn da libertempo, kaj aliaj, ekzemple panistoj, havas en ĉiu monato du tutajn tagojn, dum kiuj ili nek faras nek vendas panon. Plie, unu tuta tago estas rezervita jare por ebligi ĉiun fakon de butikistoj havi feston, kiun ili kutime faras per mallonga marekskurso aŭ pikniko en la kamparo. La dommastrino devas rememori ĉiujn tiujn okazontaĵojn; alie aŭ pano, aŭ viando, lakto aŭ frukto ne troviĝos sur la familia manĝotablo ĝuste kiam ĝi estas bezonata. Krom ĉi tio, ĉar la horoj de laboro estas tiel malmultaj, kaj tiel klare difinitaj, ĉiu laboristo havas la tempon por partopreni en ĉiu festo, kiu sin prezentas.

En Melburno ĉiujare okazas diversaj festoj kaj mi konstatas, ke mankas al neniu el ili partoprenantoj. Ĉiu monato de la jaro havas sian specialan ludfeston, kiun mi penos priskribi laŭvice, komencante per januaro. Je la Novjartago ĉiu, kiu povas fari tion, forlasas la laboron. La sezono estas mezsomera. Preskaŭ ĉiam la suno hele brilas kaj la tuta loĝantaro ĝuas la tagon en la libera aero. Meznombre 40,000 personoj iras al la apudaj marbordoj, kie ili trovas la kutimajn amuzaĵojn sur la marbordaj sablejoj. Tie la infanoj povas konstrui siajn sablajn kastelojn, aŭ serĉi konkojn aŭ faras tion, kion ili pli ŝatas, nome, vadeti aŭ baniĝi en la ondetoj. Tion ankaŭ la gepatroj faras. En oportunaj dometoj ĉe la marbordo ili banvestas sin kaj du eĉ tri fojojn dum la tago la familia grupo sin amuzas en la akvo. Intertempe ili sidas sub la ombro de arboj, kiuj kreskadas apude. Aliaj 60,000 personoj veturas al la kamparo, kie ili ĝuas vidaĵon de la montoj kaj la intermontoj. En la urbo mem estas ĉevalkurado kaj „Cricket match". Ambaŭ amuzaĵoj havas siajn amantojn. Vespere, la teatroj estas plenplenaj kaj la morgaŭan tagon komenciĝos la laboro de la jaro.

La datreveno de la unuaj koloniistoj en Viktorio okazas la 26 januaro. Tiu dato estas plena libertago por ĉiuj. La „Australian Natives Association" (asocio de naskitaj aŭstralianoj), kiu sin etendas tra tuta Aŭstralio, celas veki nacian senton kaj amigi kaj diskonigi Aŭstralion kaj ĝiajn produktojn al la loĝantaro. Tial, ĉiujare, estas per la Asocio organizita granda ekspozicio de Aŭstraliaj fabrikaĵoj. La ekspozicio daŭras, tage kaj vespere, dum ses semajnoj. Laŭvice la infanoj el la publikaj lernejoj vizitas la ekspozicion, kaj al ili estas klarigita ĝia graveco por la Aŭstralianoj. Ĉar la bela somera vetero ankoraŭ taŭgas, multaj libertaguloj vizitas la kamparon kaj la marbordon.

La deksepa de marto estas tago de Sankta Patriko, kaj la katolika sekcio de la loĝantaro fidele observas ĝin. La diversaj asocioj renkontas ĉe „Saint Patrick's Hall" (granda konstruaĵo, kie la Irlandaj asocianoj havas sian sidejon) kaj formas procesion, en kiu ĉiu sekcio sekvas sian standardon. Ĉi tiuj standardoj estas grandaj bildoj pentritaj sur silko de la larĝeco de kvin metroj. Ili estas ligitaj al fortaj stangoj kaj portitaj per ŝarĝveturiloj, kiujn tiras kvar, ses, aŭ eĉ ok ĉevaloj. La procesio tramarŝas la urbon irante al la ekspozicia halo kaj la ĝardenoj ĉirkaŭantaj ĝin. Tie la ĉefa amuzaĵo estas konkursoj inter marŝistoj, kurantoj, biciklistoj kaj gedancistoj de la Irlandaj naciaj dancoj. Tiu ĉi ne estas festo por la tuta loĝantaro, sed multaj personoj ne katolikaj profitas la okazon por ĉesigi la laboron.

Oni nun laboras pli malpli konscience ĝis Paskotempo. Tiam la registaraj oficejoj, la bankoj kaj la plej gravaj magazenoj fermiĝas de vendredo ĝis merkredo matene. Kompreneble, vendredon, sabaton kaj dimanĉon iuj faras la religiajn observadojn, sed la vero devigas min diri, ke ĉiu urbano, kiu iamaniere povas iri kamparen, ne restas hejme. Li havas kvartagan libertempon, la sezono estas la plej bela en la tuta jaro, ĝuste kiam la brulanta varmegeco de la somero malvarmiĝas tiugrade, ke la aktivaj ekzercoj de la kamparo fariĝas ĝueblaj. Tial, ne mirinde estas, ke tiu estas la tempo ĝenerale elektita por kampara vizitado. Por tiuj, kiujn la cirkonstancoj devigas resti en la urbo, la ĉefa amuzaĵo estas festo tute simila al tiu, kiu okazas la tagon de Sankta Patriko. La nuna estas organizita de la „Druidoj". Tio estas interhelpa asocio ĉefe por metiistoj kaj aliaj laboristoj. Oni enpagas ĉirkaŭ duonon da spesmilo ĉiusemajne kaj per tio asekuras sin kontraŭ manko dum malsaneco. Per la festoj, kiujn la Druidoj organizis, ili povis donaci al la hospitaloj kaj bonfarantaj asocioj la tre imponantan sumon da 730,000 Sm.

Apenaŭ la laboro denove komenciĝas, alia festtago etendas

siajn allogojn. Antaŭ 57 jaroj la metiistoj decidis labori nur po ok horoj en tago. Por festi la tagon, en kiu ili faris tiun decidon, ili forlasas la laboron ĉiun 21an de aprilo. La diversaj metiistoj renkontiĝas ĉe la „Trades Hall" (la centra oficejo de la laboristaj unuiĝoj). Tie ili sin aranĝas laŭ metio kaj, antaŭiritaj de muzikistoj kaj standardoj, marŝas tra la ĉefaj stratoj de la urbo al iu loko, kie ili sin amuzas en la angla maniero, kiel klarigite ĉi supre. La standardoj estas tre grandaj kaj belegaj. Plejparte ili figuras ian agon el la ĉiutaga laboro. La ĉevaloj, kiuj tiras la standardveturiloj, estas gaje ornamitaj per rubandoj. En veturiloj troviĝas panistoj, kiuj faras panon, ĉapelofaristoj, kiuj laboras pri ĉapeloj, presistoj kun malgranda presilo, el kiu fluas rivereto da flugfolioj, kaj en sama maniero ĉiu metio provizas simbolan grupon. Partoprenis en la marŝado en 1914 ne malpli ol 12,700 homoj, kaj la procesio okupis unu horon kaj duono. Tiatempe la vetero estas bela, nek tro varma, nek tro malvarma, kaj oni povas plene ĝui la feston.

Dum la vivo de ŝia reĝina moŝto Viktorio oni festis ŝian naskotagon, la 24 majo. Nun ne estas senlabora tago. La eminentuloj vizitas la lernejojn kaj paroladas al la lernantoj. Vespere la domposedantoj bone iluminas siajn domojn, kaj en la eksterurba distrikto, „Surrey Hills", la stratoj, publikaj konstruaĵoj kaj fervojaj stacidomoj k. t. p. brilas per elektraj multkoloraj lampetoj. Eble 40,000 personoj vojaĝis el la urbo mem la lastan jaron por vidi tiun brilan spektaklon.

La monato junio alportas sian festan tagon. La datreveno de la naskiĝo de la reĝo okazis la trian de tiu monato, kaj en Aŭstralio, kiel aliloke en la Brita imperio, ĉiuj honoras la tagon per festo. Nun estas nia vintro, kaj la ĉefaj amuzaĵoj de la tago estas vidi la paradon de la soldataro, la ĉevalkuradojn kaj la pilkajn sportojn.

*(Daŭrigota.)* *Charles W. Ballard*, Vicdel., Melbourne.

---

## La ekonomio de la militkaptitejoj

Inter la ekonomiaj problemoj de la nuntempe militantaj landoj estas unu el la plej gravaj la zorgado pri la kaptitoj. Prizorgi la bezonojn de centmiloj da individuoj apartenantaj al plej diversaj nacioj certe estas tasko malfacilega. Ne nur la alportado de nutraĵoj estas malhelpata de la strategiaj agadoj, sed ili plikariĝis pli malpli; la afero estas pri certigo de la bonstato de tiom da kontraŭvolaj malliberuloj, atenti pri iliaj naciaj preferoj, iliaj religiaj ordonoj kaj aliaj cirkonstancoj.

Por nenion allasi al la hazardo je la studado de tiuj ĉi problemoj, la germana militministerio alvokis la intendantajn oficirojn de la kuncentrejoj de militkaptitoj al diversflankaj konferencoj pri la nutrafera fiziologio, la kuirarto kaj aliaj aferoj.

Profesoro Backhaus studis la sciencajn principojn sur kiu la vivmaniero de l' internigitoj devas esti bazita: diversaj nutraĵoj kaj plej konvenaj menuoj; D-ro Rubens elmontris la bezonelementojn de la nutrafera fiziologio, kaj D-ro Neumann diskutis la panaferon. Tiu ĉi lasta estas tiom pli malfacila, ĉar la kaptitoj estas submetitaj al tiuj samaj limigoj kiel la civila popolo, kvankam iuj el ili, precipe la Francoj kaj la Rusoj, kutime konsumas pli grandan kvanton da pano. Por trovi almenaŭ partan solvon de tiu problemo, la militministerio aĉetigis grandajn kvantojn da tritika kaj sekala faruno, kiuj, tiel kiel ili estas, ne tre taŭgas al panfarado, sed miksitaj kun aliaj farunoj, ne kontrolataj de la registaro, ili havigas tre manĝeblan panon, kiun la kaptitoj povas aĉeti en la kantinoj kaj kiu, laŭ kuracista ordono, senpage estas disdonata al kaptitoj kromnutrataj, al laciĝe laborantaj, al individuoj pro iu ajn kaŭzo malfacile nutreblaj.

La normalaj kvantoj de ĉiu nutra substanco, po persono kaj po tago, estas la sekvantaj: 85 gramoj da albumino, 40 g. da grasaĵo, 475 g. da hidratoj karbonaj en varmovaloro entuta de 2700 unuoj. En okazo de korpa laboro, oni konsentas al la kaptitoj 10 %-an aldonon.

Jen, kiel ekzemplo, unu modela menuo redaktita de la militministerio:

Kafo kun 30 g. da sukero, aŭ, laŭ prefero, supo kun 100 g. da malfluidaĵo, por matenmanĝo. Supo kun 30 g. da faruno „soya", 60 g. da legomfaruno kaj 10 g. da grasaĵo, donis tre kontentigajn rezultatojn. Por tagmanĝo oni donas ĝenerale al ĉiu persono 750 g. da terpomoj kaj 300 g. da legomoj freŝaj aŭ konservaj (aŭ 40 g. da legomoj sekaj). Trifoje po semajno, oni aldonas al tiuj porcioj viandon: freŝan viandon laŭeble dufoje kaj peklitan viandon unufoje; la laŭregula kvanto da ĝi estas 120 g. el la kunosta kaj 100 g. el la senosta.

Alia aldono al la nutraĵoj rekomendita de la militministerio estas, du aliajn tagojn de la semajno, 300 g. da fiŝaĵo kaj la restantajn du tagojn 150 g. da fabospecaĵoj kun almenaŭ 30 g. da lardo, da viandgrasaĵo aŭ da konserva viando. Da salo, da spicoj kaj da grasaĵo estas donataj sufiĉege. Unu vere kontentiga vespermanĝo konsistas el 600—750 g. da kunŝelaj terpomoj kun 150 g. da haringo, aŭ 100 g. da kolbaso, aŭ 100 g. da fromaĝo. La senŝelaj terpomoj povas esti anstataŭataj per terpoma salato kun oleo, vinagro kaj sukero, kaj miksita kun verda salato. La densaj supoj preparitaj kun 100—150 g. da fabo aŭ faruno, ankaŭ havigas bonegan manĝaĵon, same kiel rizoj kun sekaj aŭ konfitaj fruktoj.

Por la rusaj kaptitoj estas ebligate konsumi ilian nacian trinkaĵon, la teon. Ĉie, kie senkremigita lakto estas disponebla, oni klopodu havigi kiel eble plej grandan kvanton da ĝi al la internigitoj. Pri la elekto kaj taŭgaranĝo de la manĝaĵoj, oni konsideru, kiel eble pleje, la naciajn preferojn. Tiu metodo estas ne nur la plej humana, sed samtempe ankaŭ la plej racia, ĉar nur ĝi ebligas plene konsumi la donitajn nutraĵojn al la kaptitoj plej utilante al ilia bonstato. Pro tio oni elektas kuiristojn el la kaptitoj mem.

La afero pri la orientanoj estas iom pli komplika, ĉar oni devas konsideri iliajn religiajn ordonojn. Oni ja scias, ke la Mahometanoj, kiel la Hebreoj, ne manĝas porkaĵon; cetere, ke la Hindoj manĝas viandon nur de besto mortigita de samreligiano — la religio ankaŭ ordonas al ili, ke la manĝaĵon samreligiano preparu.

S-ro Schiel, direktoro de unu provizoficejo, faris antaŭ nelonge paroladon pri la enmagazenigo de nutraĵoj, precipe de viandoj, kaj pri la aerumado de magazenoj. Kontraŭ la multiĝado de musoj en la deponejoj, li rekomendis la Löffler'an musan tifbacilon, kaj li elmontris la kriteriojn, kiujn oni devas konsideri en la prijuĝo de la nutrokonservaĵoj.

Kapitano Storp parolis pri okupiĝo de la kaptitoj je produktaj laboroj. Li insistis pri la ekonomia flanko de la problemo, precipe pri tio, kiel necese estas, ke ili, la „malamikoj", reservu per siaj laboroj la ekvivalenton de siaj nutraĵoj. Konvenas prefere elekti laborojn, kiuj donas tujan rezultaton, precipe rikoltolaborojn aŭ elsekigon de marĉoj.

Ni rimarkigas, inter aliaj temoj pridiskutitaj en la kunveno, la nutran rolon de la sukero, la nutran valoron de la fabo „soya", la alprovizadon je viando kaj je fiŝoj, la falsitecon kaj la ekzamenadon de la nutrokomercaĵoj, la servojn de la kantinoj, k. t. p.

Tiu serio de paroladoj trovis plej interesan eltutigon per unu ekspozicio de objektoj faritaj de militkaptitoj. En la germanaj milithospitaloj jam de longa tempo oni intence

distras la malsanulojn, precipe la resaniĝantajn, per ĉiaspecaj manokupoj, kiuj forigas ilian atenton pri iliaj doloroj kaj suferoj. Tio efikas bonege ankaŭ pri ilia resaniĝo. Do, oni inspiris sin per analogaj principoj ankaŭ por la kuncentrejoj de kaptitoj, kun rezultato tre kontentiga kaj instrua, kiel pruvas tiu ĉi ekspozicio. Vere, la ekspoziciitaj objektoj sciigas nin ne nur pri la diversflanka lerteco de la kaptitoj, sed ankaŭ pri la diferencoj de nacia karaktero kaj pri la kutimoj kaj uzmanieroj de diversaj popoloj. Oni povis admiri pentraĵon sur ligno, skulptaĵojn, akvarelojn, faritajn de kaptitoj francaj kaj belgaj, tutan galerion da pentraĵoj faritaj de anglaj oficiroj, same kiel skizdesegnojn de Rusoj figurantaj plej ofte militaĵojn. Ni rimarkigas ankaŭ preĝlibrokovrilojn el skulptita ligno, ludilojn, pokalojn kaj argilvazojn, tranĉilojn kaj forkojn fabrikitajn el najloj, ŝuojn el basto. Unu artisto eĉ ekspoziciis violonon konstruitan de li dum sia kontraŭvola libertempo.

*D-ro Alfred Gradenwitz.*

El „La Guerre Mondiale", trad.: *Paul de Lengyel.*

# NOTOJ

.·. **Pri la serĉado de la malaperintaj militistoj.** — La Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco sendis al la regnestroj kaj registaroj de la militantaj landoj la jenan nefermitan leteron:

„La Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco estis, de la militkomenco, dolore impresita de la granda nombro de militistoj, kiuj malaperis, sen ke estis eble konstati ilian legitimacion. Ĉar ĉe la de ĝi fondita Informejo por militkaptitoj en Ĝenevo, ĝi estas la ĉiutaga atestanto de la korpremo de familioj restantaj en la kruela necerteco pri la sorto de siaj anoj, ĝi respektplene petas, ke precizaj instrukcioj estu donataj al la diversaj komandantoj por ke estu alportata plidolĉigo je tiu senutila pligravigo de la militsuferoj. Ĉiufoje kiam la batalnecesaĵoj tion ne kontraŭstaras, kelkhora haltigo devus esti allasata, por ke la flegistoj povu enterigi la kadavrojn post identigo de la viktimoj. La listoj de la vunditoj kaj mortintoj, starigitaj kaj senprokraste komunikataj al la militministerio kaj al la internacia komitato, permesus rapide informi la familiojn.

„La plej elementa sento de humaneco, la plej urĝa alvoko de la kompato postulas ĉiujn decidojn utilajn por informi la familiojn pri la sorto de tiuj, kiuj noble falis sur la batalkampo je la servo de sia patrujo.

„Kun konfido la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco sendas tiun alvokon al la regnestroj kaj registaroj de la militantaj ŝtatoj, konvinkite, ke en ĉiuj armeoj la ĉefoj ĉion eblan faros por ne kreskigi sennecese la suferojn, kiuj rezultas el tiel mortigaj bataloj.

„Ju pli la milito daŭras kaj vastiĝas, des pli necese estas klopodi por malpligrandigi la nekalkuleblajn moralajn dolorojn, kiujn ĝi okazigas. — Por la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco, la prezidanto: *G. Ador.*"

.·. **Insuloj en la Panama kanalo.** — Je la momento, kiam la Panama kanalo komencis okazigi gravan trafikon inter ambaŭ oceanoj, kaj la enspezoj pro ĝia ekspluatado sukcesis superi la elspezojn, moviĝoj de la grundo, pli fortaj ol la ĝisnunaj, antaŭ nelonge obstrukcis la navigvojon kaj ĝin blokados dum kelkaj semajnoj. Tiu akcidento havis lokon en la fama fosaĵo de Culebra, kies borado estis siatempe speciale malfacila. La fundamento de la kanalo subite leviĝis kaj formiĝis veraj insuloj.

Pri la kaŭzoj de tiu leviĝado oni ne interkonsentas. Laŭ la unua hipotezo, kiu prezentiĝas je la spirito, la pezo de la bordgrundo pliigita de la pluvoj, levigis la fundon de la kavaĵo, kiun la kanalo havas je tiu loko. Tio estus akcidento ofta ĉe tiaj laboroj.

Sed alia opinio ankaŭ estas atentinda. La aspekto de tiuj subite el akvo stariĝintaj insuloj, la kondiĉoj, en kiuj ili formiĝis, permesis starigi komparon inter tiuj faktoj kaj iaj fenomenoj okazantaj ĉe la maro, speciale ĉe la Sud-Pacifika Oceano, kie insuloj subite aperas kaj ne malpli subite malaperas.

Tiuj fenomenoj havas vulkanan karakteron. La partianoj de tiu hipotezo rimarkigas, ke la regiono de la Panama kanalo estas vulkaneca kaj ofte estis skuita de tertremoj.

Malfacile estas nun diri, kiu opinio estas prava. Se oni akceptas la unuan, oni nur devas antaŭvidi gravajn elspezojn kaj tempoperdon por forigi la malhelpaĵon per skrapegado. Sed se oni allasas la hipotezon pri la vulkano, la afero estas ja multe, multe pli grava; ĉar nekuraceble endanĝerigata estus tia belega verko kia estas la Panama kanalo.

.·. **Kie Esperanto estus bezona!** — Oni scias, ke komence de novembro okazis en Parizo franco-brita militkonsiliĝo. Je tiu okazo, la britaj gazetoj rimarkigas, ke el la kvar britaj ministroj, nur unu parolas francan lingvon, nome S-ro Balfour. S-ro Asquith nescias la francan lingvon; ankaŭ Sir Ed. Grey, kiu ĉiam bezonas interpretiston, kiam li parolas kun ambasadoro. S-ro Lloyd George komencis antaŭ nelonge studi la francan lingvon. Siaflanke, la francaj ministroj, kiuj partoprenis je la konsiliĝo, ne scias anglan lingvon.

Esperanto nepre bezonata!

.·. **La kosto de kanonpafo.** — La usonaj teknikaj gazetoj liveras la jenajn informojn pri la kosto de pafo ĉe la diversaj kanonoj uzataj en Usono:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kanono . . . . | de 76 mm | = | Fr. 50.— |
| Kanono . . . . | „ 120 mm | = | „ 150.— |
| Haŭbizkanono . . | „ 150 mm | = | „ 230.— |
| Kanono . . . . | „ 150 mm | = | „ 325.— |
| Kanono . . . . | „ 305 mm | = | „ 2700.— |
| Mortero . . . . | „ 305 mm | = | „ 1600.— |
| Kanono . . . . | „ 356 mm | = | „ 4300.— |
| Kanono . . . . | „ 406 mm | = | „ 6250.— |

La supraj ciferoj ne enkalkulas la eluziĝecon de la kanono, t. e. la amortizon de la materialo. Dum la rilata elspezo estas negrava ĉe la kanonoj de 75, 76, 77 mm, kiuj povas pafi 4000-foje antaŭ ol esti eluzitaj, la dikaj ŝipkanonoj ne plu taŭgas por 100 pafoj. La kosto de kanonpafo de 406 mm estas, pro la amortizo, plialtigata ĝis 12,000—15,000 frankoj.

# *Al niaj abonantoj*

*La abonantoj, kiuj estas senpere informataj pri finiĝo de sia abono, estas petataj kiel eble plej baldaŭ sendi la sumon de 5 frankoj per poŝtmandato aŭ respondkuponoj.*

*Escepte, ni ankaŭ akceptos sesmonatajn abonojn po 2. 50 frankoj.*

*La abonantoj, kiuj militservas aŭ estas militkaptitoj, kaj ne povus sendi sian reabonon, bonvolu nin informi.*

*Rusaj abonantoj povas reaboni per nia Delegito en Moskvo, S-ro S. Szabunievicz, 5, Krivokolennij per., dom. Sytov.*

* * *

*Al tiu ĉi numero estas aldonata tabelo de enhavo por la jaroj 1914 kaj 1915.*

* * *

*Al niaj francaj legantoj:* Ni ekscias, ke verŝajne pro kelktaga fermo de landolimo, sufiĉe multaj ekzempleroj de nia oktobra N-ro ne atingis abonantojn loĝantajn en Francujo. Ni povis respondi la unuajn plendojn, alsendante novan ekzempleron, sed nuntempe nia provizo estas tute elĉerpita, kaj ni bedaŭrinde ne plu povas sendi la oktobran N-ron al la abonantoj, kiuj pro la supra cirkonstanco, sendependa de nia volo, ne ricevis ĝin. En militempo, presaĵoj ofte ne estas bone traktataj de la poŝtadministracioj, kaj plendoj ne estas priatentataj kiel ordinare. Ni tamen tre esperas, ke la aludita fakto ne ripetiĝos.







# KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikajojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

## Aŭstrio-Hungario.

*Jilemnice:* S-ro Miloŝ Lukaŝ gvidas kurson kun 16 fervoraj personoj. — *Pilsen:* S-ro W. H. G. Bohne aranĝis kurson por militkripluloj.

## Britujo.

*Blackburn:* La 31ª kvaronjara konferenco okazis en Blackburn sabaton la 6 novembro, kun partopreno de 130 personoj. En la cirkonstancoj tiu nombro estis tre kontentiga. Diskutante la estontan agadon de la federacio oni ricevis kelkajn bonajn sugestiojn, kiujn oni esperas trakti post nelonge. La koncerto kaj dancado, kiuj sekvis, estis tre ĝuinda afero.

## Bulgarujo.

En julio 1915, S-ro I. Krestanof faris sukcesan propagandan vojaĝon tra Sud-okcidenta Bulgarujo: li vizitis la urbojn Radomir, Dubniza, Samokov, Rila (monaĥejo).

## Germanujo.

*Altengrabow:* Laŭ informo de S-ro Penisson, la kurso ĉe la militkaptitejo enhavas 134 lernantojn, francajn, belgajn, rusajn kaj britajn. Aperas polikopia bulteno de la kursoj ĉiudektage, sur ses paĝoj. — *Breslau:* S-ro S. Sackur, 81-jara, vigla samideano, komencis novan kurson. — *Chemnitz:* Okazis regiona kunveno. La Del. raportis pri la agado de UEA dum la milito; multaj novaj anoj aliĝis por 1916. La diversaj grupoj unuiĝis kaj havas ĉiuĵaŭde komunan ekzercvesperon en kafejo „Bienenstock". — *Dresden:* Sukcesa vesperfesto estis aranĝita por vunditaj militistoj; tiuokaze Esp. ekspozicio estis aranĝita. — *Essen:* S-ro Pillath malfermis novan kurson per parolado pri la signifo de Esp. dum la milito; li ankaŭ aperigis raportojn en tri ĉiutagaj gazetoj. — *Hildesheim:* Kurso estas aranĝita. — *Ilmenau:* Kurso okazas. — *Regensburg:* S-roj Meier kaj Mühleisen gvidas kurson. — *Stuttgart:* S-ro Leyrer gvidas kurson por komencantoj; alia kurso okazas ĉe Baha'anoj.

## Hispanujo.

*Palma de Mallorca:* En la lasta kunsido okazinta ĉe la Esp. Klubo oni elektis la jenan komitaton: Prez.: Narcisso Bofill; vicprez.: J. Salam; sekr.: J. Mascaro; vicsekr.: J. Gil; kas.: M. A. Obrador; bibl.: A. Ramis; anoj: J. Aguilo, B. Rèbassa kaj F. Barcelo. Ĉe la nomita grupo, S-ro N. Bofill klarigas ses kursojn ĉiusemajne (tri por viroj, tri por fraŭlinoj); ĉeestas ĉ. 30 lernantoj. — *Sabadell:* La Esperantistaro de Sabadell, Tarrasa kaj ĉirkaŭaĵoj aranĝis tre sukcesan feston ĉe la kampa domo „Arnella". Post fratiga tagmanĝo kun ĉeesto de preskaŭ ĉiuj ekskursanoj, okazis teatroprezentado en tute libera aero. Finis tiun feston granda balo kaj kantoj. Ĉiuj gazetoj publikigis longan artikolon kaj fotografaĵojn pri ĝi. Estis decidite ĉiujare okazigi tiun feston. — *San Feliu de Guixols:* La grupo „Esperanta Lernejo" malfermis siajn jarkursojn sub la sperta gvidado de Prof. F-ino Anita Gimeno.

## Nederlando.

*Amsterdam:* Okazas nova kurso por komencantoj sub la gvidado de S-ro v. Tinderen. — *Hago:* F-ino N. Boon gvidas kurson por soldatoj. Al 60 Hagaj societoj kun pli-malpli sociala aŭ etika celo estis sendita cirkulero kun kelkaj rekomendaj vortoj pri nia afero kaj propono pri parolado. 120 personoj ĉeestis la sukcesan vesperfeston de la grupo. — *Harderwijk:* S-ro Jules Colson (belga internigito), 3ᵉ ch. à p., loĝejo 42 (kun ĉiulandanoj). — *Harlemo:* La movado estas en bona stato; nuntempe funkcias kvin kursoj bone vizitataj. — *Rotterdam:* Fondiĝis Roterdama Abstinul-Societo Esp. kun 21 membroj. Adreso: S-ro J. Dorst, Hudsonstraat 55 c. — *Wormerveer:* S-ro W. Nutters faris publikan paroladon. Kurso sekvis.

## Norvegujo.

*Kristiania:* Estas formita Esp. Societo de la instruistoj. Prez: F-ino R. Bye, Herman Top's str. 10/IV.

## Portugalujo.

*Lisbono:* La 15 oktobro efektiviĝis kunveno en Lisbona Esp. Grupo por liverado de diplomoj de studado al lernantoj de la lasta kurso kaj okazis ankaŭ en tiu kunveno paroladoj de S-ro Horner pri „La psikologia valoro de Esperanto" kaj alia de S-ro Martins d'Almeida, nia Del., pri „Kiom estas Esperanto pli facila ol la franca lingvo?". Tiu ĉi lasta parolado estis tre interesa, ĉar la parolanto pruvis per kompara studado de Esperanto kaj franca lingvo, kiu estas la fremda lingvo plej studata en Portugalujo, ke Esperanto estas almenaŭ 224 fojojn pli facila ol la franca idiomo. Tiu ĉi parolado tre impresigis la aŭskultantojn. La 22 oktobro malfermiĝis nova kurso ĉe la Lisbona Esp. Grupo. S-ro B. Martins d'Almeida, elektinte la temon „Esperanto en unu horo", faris inaŭguran paroladon. Tiu kurso estas gvidata de S-ro Rodolfo Horner. La 23 okazis parolado de S-ro Saldanha Carreira, ĉe la Komerca Ateneo, pri „Esperanto kaj la Milito". Kursoj funkcias ankaŭ en la Komerca Ateneo, Asocio de Komizoj kaj Libera Universitato, respektive instruataj de S-roj Saldanha Carreira kaj Ernesto da Maya. Interne de multaj elektraj tramoj oni vidas afiŝojn anoncantajn Esperanton. Lisbona Esp. Societo daŭrigas tre aktivan propagandon.

## Svisujo.

*Genève:* Okazis la unua jara agadkunveno de la societo „Stelo". Kurso malfermiĝos. Alia kurso estas ĉe Union Chrétienne.

## Meksikujo.

*Mexixo:* Ĉe la Hejmo de Monda Laboristo estis starigita kurso.

## Usono.

*Green Acre* (Me.): Je la ĉiujara kunveno de la Green Acre Konferencoj, Esperanto estis enmetita en la programon. S-ro J. F. Morton sukcese paroladis. — *San Francisco* (Calif.): Postkongresa laboro jam komencis. S-ro Flenner paroladis ĉe la Literatura Societo antaŭ 200 personoj. La vizitanto al la Ekspozicia Urbo estas frapata de la granda sciado kaj intereso pri Esperanto trovata en okcidento. S-ro T. W. Palmer, gardisto ĉe la ekspozicio, instruis jam pli ol *6000* personojn! Kompreneble multaj studis nur dum unu leciono, sed alia granda nombro fariĝis entuziasmaj Esp-istoj. S-ro Palmer daŭrigos la laboradon ĝis la fermiĝo de la Panama-Pacifika Ekspozicio. — *Salt Lake City* (Utah): La Klubo ree komencis funkcii, kaj gajnis laŭ membroj kaj laŭ intereso. Nun ekzistas du grupoj, unu por komencantoj, kaj alia por sociaj kaj amuzaj kunvenoj. — *Washington D. C.:* Okazis en la urba biblioteko granda propaganda kunveno sub la gvidado de la Kolumbia Esperanto-Klubo de Washington. Post multaj klopodoj la estraro de la biblioteko donis la grandan salonon. Kvankam la vetero estis pluva, 300 personoj ĉeestis, inter kiuj kelkaj oficialaj personoj. S-ro N. S. Guimont, prez. de la klubo, faris la malferman paroladon kaj prezentis la Hon. Louis F. Post, helpsekretario al la Usona kabinetministro de la Fako de Laboro. S-ro Post prezidis kaj faris tre interesan paroladon pri la interna ideo de Esperanto, kaj estis multe aplaŭdita. S-ro Hyman Levine paroladis pri Esperanto, la ĉeestantaro atente aŭskultis ĉiun vorton. Post kantado de D-ro Francis Kennedy S-ro John A. Sheil, Del., parolis pri la „agoj de UEA". F-ino Amy C. Leavitt, Esperantianino, prezidis ĉe la fortepiano kaj F-inoj Nugent kaj Brooks ankaŭ kantis

kaj ludis. S-ro Stewart respondis al kelkaj demandoj, kaj ĉiuj leviĝis, kiam F-ino Leavitt ludis la Esperon je la fino. Granda kvanto de propagandiloj estis fordonita.

**Ĥinujo.**

*Hongkong:* Antaŭ tri jaroj la loĝantoj de Hongkong ankoraŭ ne sciis eĉ la nomon Esperanto. La unua Esp. kurso estis fondita en 1914; la instruisto estis S-ro B. J. Ju; la lernintoj ĉirkaŭ dek estis; sed post du monatoj ĝi ĉesis per manko de monrimedoj. La dua kurso estis daŭrigita de S-ro Vaman Aŭ en junio 1914, sed la rezultato estis egala je la unua. Post duonjaro la tria kurso estis aranĝita de S-ro Binkon. Kvankam ĝi estis pli longa ol la antaŭaj, ĝia fino ne estis malsama. La financo estis la granda baro. La somera kurso de 1915 estas la kvina, fondita de S-ro Ĥ. F. Lu. Tiu ĉi lernejo buŝinstruas unu monate, kaj korespondinstruas duonjare; nun ĝi ankoraŭ ekzistas. Dank' al tio la loĝantoj komprenis pli multe pri nia afero, kaj samideanoj komencis aranĝi grupon, kiu nun kalkulas ĉ. 50 anojn; direktoro estas S-ro Limin. Biblioteko kaj kurso estis aranĝitaj; la propagando estas nun vigla.

## TRA LA GAZETARO

.·. Lastatempe regule aperis, malgraŭ la milito, la jenaj Esp. gazetoj: „*British Esperantist*", „*Bulletin d'Informations France-Esperanto*", „*Esperanto-Monthly*", „*Germana Esperantisto*", „*Holanda Pioniro*", „*Internacia Bulteno*", „*Kataluna Esperantisto*", „*Le Monde Espérantiste*", „*La Espero*" (Svedujo), „*Nederlanda Katoliko*", „*Esperanto-Raporto*" (Danujo), „*Ondo de Esperanto*" (Rusujo), „*Svisa Espero*", „*Verda Standardo*" (Hungar.), „*Amerika Esperantisto*", „*Brazila Esperantisto*", „*Pacifika Espero*", „*Orienta Azio*".

.·. „*Pacifika Esperantisto*" estas la nomo de nova Esp. gazeto ĉiusemajna por propagando de nia afero en Usona parto borde de Pacifiko. Jara abono: 2 Sm. Adreso: Pacifika Espero, Berkeley (California).

.·. La ĉiutaga itala gazeto „*Avanti*" publikigis (19, 20, 21, 22, 24, 26, 27 aŭgusto) en formo de felietonoj serion de artikoloj speciale dediĉitaj al UEA kaj ĝia agado. Ilin verkis S-ro deputato Morgari, kiu ĉe sia trapaso en Ĝenevo vizitis la Oficejon de UEA kaj intervjuvis ĝian Direktoron pri la cirkonstancoj, kiuj determinis la kreon de UEA, pri ĝia rolo dum la milito kaj la ĝenerala situacio de la Esp. movado. La Itala Katedro de Esperanto intencas aperigi tiun artikolaron sub la formo de broŝuro.

.·. La gazeto „*Resto del Carlino*" (Bologna) publikigis en sia N-ro 228 entuziasman leteron el Berno pri la agado de UEA dum la milito.

.·. En multaj diverslandaj gazetoj, notoj pri la servoj de Esperanto kaj UEA dum la milito.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Administraj Informoj pri la jaro 1 novembro 1914 ĝis 31 oktobro 1915.** — La Centra Kaso spezis entute Fr. 106,354. 69 kontraŭ Fr. 164,636. 25 dum la antaŭa jaro. La konto de UEA montras la jenajn spezojn:

| *Enspezoj* | Fr. | *Elspezoj* | Fr. |
|---|---|---|---|
| Kotizaĵoj | 5,213. 95 | Oficejo | 1,579. 20 |
| Subtenantoj | 722. 80 | Salajroj | 3,461. 20 |
| Entreprenoj | 829. 21 | Korespondado | 913. 55 |
| Administr. enspezoj kaj pagitaj servoj | 3,400. 89 | Materialo | 213. 75 |
| | | Presaĵoj | 465. 65 |
| | | Gazeto „*Esperanto*" por Entreprenoj | 435. — |
| | | Administraj Elspezoj | 2,853. 85 |
| | 10,166. 85 | | 9,922. 20 |
| | | Gajno | 244. 65 |
| | 10,166. 85 | | 10,166. 85 |

**Bilanco**

| *Aktivo* | Fr. | *Pasivo* | Fr. |
|---|---|---|---|
| Kaso | 527. 20 | Gazeto „*Esperanto*" | 1,848. 85 |
| Bankoj | 2,900. 40 | Konthavantoj | 866. 53 |
| Debito de la estinta Librejo | 79. 09 | Kreditoroj | 76. 60 |
| Debitoroj | 850. — | Antaŭpagitaj kotizaĵoj | 364. 71 |
| | 4,356. 69 | | 3,156. 69 |
| | | Antaŭa havaĵo 955. 35 | |
| | | Gajno UEA . 244. 65 | |
| | | Nuna havaĵo | 1,200. — |
| | 4,356. 69 | | 4,356. 69 |

La „Debitoroj" konsistas el ŝuldo de la Garantia Kapitalo kaj el antaŭpagita lupago; ili do estas tute certaj. Kiel kutime ni elpagis antaŭ la bilanco la bonhavajojn de la plimultaj Kreditoroj. Krom la aktivaĵon de la Centra Kaso, UEA posedas rezervon por la Jarlibro 1916, kaj la Garantian Kapitalon.

Pagis sian kotizaĵon 2412 membroj, kaj 143 Subtenantoj, tiel, ke kun la 144 Dumvivaj kaj la Honoraj Membroj ni atingis la modestan ciferon de 2704 personoj. Ĉar multaj fervoraj Esperantistoj, nuntempe mobilizitaj, ne povis pagi la kotizaĵon, oni lasis ilin provizore en la membrokontrolo, konforme al la Komitata decido de decembro 1914. Kompare kun la cifero de la antaŭa jaro, 7238 membroj, oni povas esperi ke post la militfino UEA baldaŭ rehavos 5000 membrojn.

La nombro de la korespondaĵoj dum 1914 estis 40,463; tiu de la pasinta jaro atingas la ciferon: 97,415, el kiuj 40,508 korespondaĵoj ricevitaj, 1468 poŝtmandatoj ricevitaj kaj 55,439 korespondaĵoj senditaj.

* * *

Vidiĝas el la supraj ciferoj, ke malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj nia Asocio bone eltenis la unuan dummilitan jaron. Anstataŭ deficiton ni atingis modestan gajnon, kaj povis bonkonscience decidi la reaperigon de la Jarlibro dum 1916. Ni ŝuldas tion al la afabla subteno de niaj membroj kaj al la pogrande organizata transsendo de leteroj kaj serĉado de malaperintoj, servo kiu utiligas la aranĝon de la Centra Oficejo por humana celado kaj internacie konigas Esperanton.

La aspekto de la venanta jaro kaj de eble plia milita periodo estas tiel malĝojigaj, ke ni varme petas niajn membrojn ĉion fari, por ke UEA estu forte subtenata. El la membraj kotizaĵoj nia organizaĵo devas vivi, kaj por la membroj ĝi laboras dum paca tempo. Se en la nuna periodo la Esperantistoj ne havas rektan profiton el la agado de UEA, se la mankanta ebleco vojaĝi kaj internacie rilati malhelpas la uzadon de la Jarlibro, ili tamen ne ŝparu la kelkajn frankojn de ili petatajn.

Profunde erara, sed disvastigata, estas la kredo, ke UEA estas kvazaŭ komerca asocio, vendanta Jarlibron kaj servojn, kiujn laŭbezone oni mendas kaj rajtas ricevi kontraŭ mono.

La servoj de la Delegitoj, kiel la laboro de la Centra Oficejo, estas plej parte libervolaj oferoj alportitaj por helpi la Esperanto-movadon. Se pro la fortika organizaĵo kaj siaj firmaj labormetodoj UEA havas ŝajnon pli aferistan ol iu alia porlingva societo, se unuavide la servoj ŝajnas esti malpli utilaj ol festoparoladoj kaj novaj lerniloj, oni konsideru, ke al internacia lingvo nepre devas korespondi internacia asocio, kiu konatigas inter si la diversnaciajn Esperantistojn. La Jarlibro, la servoj, la internacia membronomaro k. t. p. estas nur helpiloj por starigi la vojon, sur kiu Esperanto povas progresi. Modesta estas ankoraŭ tiu vojo, eble ne tute glata kaj ne plenperfekta laŭ plano, sed almenaŭ ĝi ekzistas, utilas kaj povas poste esti plilarĝigata. Se pro blinda ŝparo oni malzorgus dum la milito tion, kion oni kreis kun multe da peno, ne sole perdiĝus la antaŭa laboro, sed la malestimo kontraŭ la unuaj pioniroj ankaŭ malaltigus la kuraĝon de la estontaj. Sufiĉu la fakto, ke UEA donis al la Esperanto-movado centron neŭtralan, demokrate organizitan kaj sufiĉe fortan, tiel ke kun iom da helpo ĝi povas funkcii dum la tuta milito.

La seriozaj Esperantistoj ne zorgas, ĉu la rektaj personaj profitoj eltireblaj el UEA ĝuste valoras aŭ ne valoras la kotizaĵon. Ili konsideras la nepran necesecon de tiu centro por la postmilita repreno de la internaciaj rilatoj; ili scias, kiun gravecon la amikoj kaj malamikoj de Esperanto aljuĝas al ĝia plej granda organizaĵo, kaj ili ĝuste taksas la valoron de ĝia farita kaj farebla laboro. Tiajn Esperantistojn ni petas aliĝi, se eble kiel Subtenantoj, kaj varbi multajn aliajn.

*Ed. Stettler*, Financa Fakestro.

**Al niaj membroj.** — La kotizaĵo por la administra jaro 1 novembro 1915 ĝis 31 oktobro 1916 estas pagebla, kiel kutime, al la Delegitoj aŭ, kie ne estas, al la Centra Oficejo. Membroj: 2.50 Fr. Subtenantoj: 5 Fr.

Membroj kaj Delegitoj loĝantaj en Rusujo povas pagi al nia Del.: S-ro S. Szabunievicz, 5, Krivokolennij per., dom. Sytov, Moskvo.

Ĉiuj membroj repagintaj la kotizaĵon por 1916 ricevos provizoran membrokarton kiel kvitancon. En januaro ili ricevos la novan Jarlibron kaj banderolon por alglui sur la membrokarto.

**Garantia kapitalo.**

**Listo de garantiantoj**

| | | Frankoj |
|---|---|---|
| | Antaŭa listo | 23,875 |
| 123. | Armando Camuffo, Pola | 125 |
| 124. | Henri Buret, Sainville (Franc.) | 125 |
| | Frankoj | 24,125 |

Entute (ĝis la 15 novembro) 124 Garantiantoj mendintaj 193 atestojn, valoro 24,125 frankoj.

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank*, *Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.].

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro, kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al „*Esperanto*".

Restas vendeblaj ankoraŭ 9 atestoj.

**Kotizaĵoj por 1915.** — Je la 31 oktobro estis enkasigitaj 2699 kotizaĵoj (el kiuj 143 subtenantoj kaj 144 dumvivaj membroj). — *Esperantiaj Entreprenoj*: 103.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato oktobro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 1,990 | 2,271 |

*Tuta sumo*: 4,261. (Antaŭa monato: 3,679.)

**Novaj Delegitoj.**

*Davos* (Svisujo, Graubünden). — VD.: S-ro Josef Hartmann, instruisto.

*Funchal* (Portugalujo, insulo Madeira). — D.: S-ro Ernesto C. Pereira, komercisto de brodaĵoj, 6, Rua Julio Silva Carvalho.

*Hongkong* (Ĥinujo). — D.: S-ro Ĥo Fung Lu, instruisto, Shung Fu Lernejo, 31, Caine Road.

*Marsala* (Italujo, Sicilio). — D.: S-ro Lilibeo Salvatore Bilardello de Andrea, studento, 2, via Lincoln.

*Pirdop* (Bulgarujo). — D.: S-ro Ivan H. Krestanof, profesoro ĉe la liceo.

*Poltava* (Rusujo). — D.: S-ro Jozefo Chankowski, ŝtatoficisto, 3, Fabrikantskaja.

**Ŝanĝoj.**

*Dubrovnik-Ragusa* (Aŭstrio). — VD.: F-ino Olga Aranza, instruistino.

*Stockholm* (Svedujo). — D.: S-ro John Johansson, telefona laboristo, Birger-Jarlsgatan 116/III.

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj regionoj:

*Ansbach* (Germanujo); *Melilla* (Maroko); *Novo-Minsk* (Rusujo); *Orchané* (Bulgarujo); *Pittsburg* (Usono); *Patras* (Grekujo); *Győr* (Hungarujo).

**Adresŝanĝoj.**

*Schtip* (Serbujo, Leskovica selo). — La nuntempa adreso de S-ro Dordević Svetolik estas: učiteljska škola en Yugadina.

*Venezia* (Italujo). — VD.: S-ro Francesco Pizzi, biblioteka oficisto, S. Maurizio, 2748, Calle del Dose.

# Kelkaj servoj de UEA

De pli ol unu jaro, la Centra Oficejo plenumis tre grandan nombron de servoj, pri kiuj ni jam diversfoje raportis ĉi tie. Ili koncernas plej parte la transsendon de leteroj inter militantaj landoj, la serĉadon de civilaj malaperintoj, la interrilatadon kun militkaptitoj; ili havas pli-malpli saman karakteron. Sed krom tio, atentindaj kaj tre diversspecaj servoj estis faritaj ĉe aliaj cirkonstancoj.

Jen kelkaj karakterizaj ekzemploj:

Interesa kaj meditinda fakto estas la relative alta nombro de gefianĉoj kaj geamantoj apartenantaj al nun malamikaj landoj, speciale Francujo kaj Germanujo, Britujo kaj Germanujo, kaj malgraŭ la milito restintaj ame kunligataj. Nia Oficejo ofte interŝanĝis amleterojn parfumitajn kaj delikatkolorajn, sentimentalajn fotografaĵojn, sekiĝintajn florojn, eĉ harfasketojn.

Leginte la nehomajn predikojn de la ĉiulandaj kleruloj pri dekadenco, malnobleco kaj barbareco de la kontraŭulo, oni havas la impreson aparteni denove al la homaro, kiam oni konstatas, ke paroj trankvile daŭrigas interrilatadi kaj amindumadi malgraŭ la blekoj de la eminentuloj, kiuj el la tranŝeoj de la redakcioj penas pliakrigi la pasiojn de malamo.

Sed se la gefiloj proponas, la gepatroj decidas! Antaŭ nelonge, pere de nia Oficejo, junulino petis unu el niaj

Delegitoj informiĝi pri la sorto kaj sentoj de soldato el malamika armeo, kun kiu ŝi estis fianĉiniĝinta antaŭ la milito. Sed, ho ve! la gepatroj de la Romeo lasis kompreni, ke pluaj rilatoj kun malamikino ne estas dezirindaj.

Aliajn fojojn nia interhelpo estis pli sukcesa, kaj ni povis liveri pli bonajn informojn pri la preterdaŭro de la amsentoj kaj amfido de la fianĉo aŭ de la fianĉino.

Malĝojaj servoj ankaŭ ne mankas. Familioj skribas por ricevi oficialan mortateston pri sia filo mortinta en fremdlanda hospitalo, sciigojn pri liaj lastaj momentoj, eĉ la fotografaĵon de la tombo en malamika tero. Tiujn por la parencoj multvalorajn informojn ni plej ofte povas havigi pere de niaj Delegitoj, kiuj je tiuj okazoj ĉiam tre volonte agas por alporti iom da konsolo al la malfeliĉaj familioj, sen diferenco pri nacieco.

Pluraj personoj petis, ke ni renovigu por ili la atestojn de pruntoficejoj, kun kiuj ili ne plu povis komuniki. Tiuj malriĉuloj tiamaniere povis konservi objektojn por ili valorajn, kiuj sen tio estus aŭkcie venditaj.

La serĉadoj pri civilaj malaperintoj estas multnombraj. Ofte bona rezultato estas atingata, kaj ni havas la ĝojon komuniki al la parencoj konsoligan informon. Je tiaj okazoj ni ricevas dankleterojn, iafoje naivajn, sed kortuŝajn. Jen, ekzemple, kion skribas laborista familio, al kiu estis farita tia servo:

(Traduko.) „Laŭ la promeso, kiun mi faris al vi en mia lasta letero, mi sendas al vi poŝtmandaton de 5 frankoj por via entrepreno. Tio estas tre malmulte, sed ni estas laboristoj, kaj vi komprenos, sen ke mi bezonas plue klarigi nian situacion. Mi petas vin, sinjoro, kredi, ke el mia tuta koro mi deziras, ke aliaj personoj aldonu multajn nulojn al tiu malgranda cifero. Mi ne volas, ke vi kvitancu al mi tiun donaceton, ĉar mi tion faras sekrete; Dio tion alkalkulos al mi."

Alia karakteriza servo: Pro la interrompo de la poŝtkomunikoj, oni ne plu havis novaĵon pri esploristo, S-ro Limpricht, kiu faris botanikajn esplorojn en Ĥinujo, regiono de supera Jang-Tsek-iang. Dank' al la agemo de niaj ĥinaj Delegitoj, oni sukcesis lin retrovi en bona sano. Li de nun regule komunikas kun sciencaj gazetoj pere de UEA.

El kolonioj kaj el ŝipoj ne plu povantaj veturi, ni ricevis multajn leterojn por la hejmolando. Oni ofte povas sin demandi, kiel personoj tiel malproksime loĝantaj konas la ekziston de nia Asocio. Unu trafa servo iafoje havas plej diversajn konsekvencojn.

Kun Esperantistaj militkaptitoj, ni havas regulajn rilatojn. Ankaŭ kun neesperantistaj kaptitoj. Kelkaj el ili uzis la perecon de nia Asocio por aĉeti tabakon, kiun ili povas revendi ĉe la kaptitejo al kameradoj, ne ricevantaj tiun grandvaloran produkton el sia hejmo. Amason de propagandiloj kaj legolibretoj ni disdonigis, en tia nombro, ke nia provizo elĉerpiĝis ...

Certe, la nombro de plenumitaj servoj estas malgrandega kompare kun la eksterordinara kvanto de mizeroj, kiujn ĉi tiu milito kuntrenis, kaj kiujn neniu organizaĵo, tiel ajn perfekta ĝi estos, iam povos forigi. Almenaŭ kion ni povis atingi en la sfero de nia agado, tion ni laŭeble faris. Ke iom da bono rezultis el nia ofte malfacila laboro, plezurigos tiujn Esperantistojn, kiuj en Esperanto vidas ion pli altan, ol konvencian signaron uzeblan por ĉiuj ajn celoj.

---

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.·. La Esp. grupo inter la civilkaptitoj de Ile de Sieck tre dankas al la Esp. Centra Oficejo, al UEA, al S-ro Christaller, por la alsenditaj libroj, gazetoj kaj propagandiloj.

## „Nia Ĉiutaga Pano"

Spite la neperfektaĵojn de la stilo, pri kiuj aludis *Verto* en sia recenzartikolo ne malatentu tiun ĉi libreton (1.25 Fr.). Bonvoluloj povas proponi korektojn al la kompilinto, kaj poste li eldonos en pli agrabla formo, ankaŭ pensos pri la neceso de antaŭa kompetenta trarigardo. La legontoj ne senutile povos mem studi pli serioze la lingvon, trovante la necesajn korektojn. — La Glasgova samideano deziris pensigi pri tio, ke *la homa vivo nepre dependas de la dieto*. En la artikolo „Unua Ŝtupo" Tolstoj tion konsideras, kiel unuan virton por komenci altiĝi el la besteca stato. „Nia ĉiutaga pano" enhavas citaĵojn el pli ol cento kaj duono da pensuloj diverslandaj kaj diverstempaj. Neniu bedaŭros konatiĝi kun iliaj diroj kaj dank' al tio komencos atenti al la granda, profundpensa universala vegetara literaturo ĉiuspeca. La romanoj „Paŭlo kaj Virginio" aŭ la nuna „Nova Sento" apartenas al tia literaturo.

*Vegetaranino.*

## Esperanto ĉe la internigejo Harderwijk

Ni kun plezuro publikigas la suban leteron, kiu raportas pri la grava propagando efektivigita ĉe la belga internigejo en Harderwijk (Nederlando). La iniciatintoj estu gratulataj pro sia utila kaj kuraĝa agado. Eĉ ĉe ŝajne malfavoraj cirkonstancoj, nia afero povas progresi, se nur oni firme tion *volas*.

Jam dum pli ol unu jaro, ni estas internigitaj. Kion ni estas farintaj dum tiu longa tempo? Ĉu ni ĉiam dormis? Ĉu ni pasigis utile la disponeblan tempon? Ĉiuj Esperantistoj, kiuj interesiĝas pri la movado, povas respondi kaj klarigi pri la afero. Ne, Esperantismo ne dormis, tute ne. Jam la unuajn tagojn de la internigo, S-ro Bonabo komencis gravan propagandon. Je la komenco, li nur akiris mokadon kaj ridadon por sia sindonemeco. Iom pli malfrue, alia Esperantisto estis internigita en la sama soldatejo de S-ro Bonabo, nome S-ro Demey. Ili rekomencis novan propagandon kaj sukcesis starigi kurson, ĉiam daŭrigante la klopodojn por varbi novajn lernantojn. Tiamaniere, ili varbis sufiĉe da lernantoj por malfermi duan kurson. Poste, helpitaj de la lernantoj de la unuaj kursoj, kiuj estas fervoraj propagandistoj, oni sukcesis varbi multajn lernantojn; tria kurso komenciĝis.

Por plifaciligi la rilatojn inter la lernantoj kaj fortigi la sentojn, kiujn ili havas pri Esperanto, oni starigis grupon, kiun ĉiuj konas sub la devizo „Espero-Paco-Progreso". Ĝis nun S-ro Bonabo estas la sola profesoro; kompreneble lia tasko ne estas facila. Kaj nun, ĉar la lernantoj estas multnombraj, oni decidis elekti, inter la lernintoj, helpprofesorojn. Post oficiala ekzameno, oni elektis du el la plej fervoraj lernintoj, Henriko Demeersseman kaj Fernando La Gravière, kiuj estas, la unua sekretario kaj la alia helpsekretario de la grupo. Ili staras respektive kiel profesoro, la unua por la flandre parolantaj soldatoj kaj la dua por la france parolantaj internigitoj, S-ro Bonabo okupadas sin, donante perfektigan kurson al la lernintoj. La kurso kun flandraj klarigoj malfermiĝis la 12 oktobro kun 31 lernantoj. La franca kurso baldaŭ komenciĝos. Estas jam en Harderwijk 160 lernintoj kaj lernantoj. Tio estas dank' al la laborado kaj la sindonemeco de S-ro Bonabo kaj liaj helpantoj, kiuj neniam laciĝas je la propagando. Oni povas diri, ke S-ro Bonabo multe faris por nia movado.

Laboru ni ĉiam kaj faru ni Esperantistojn el ĉiuj internigitoj.

*Espero-Paco-Progreso.*

# Esperantia Vivo

**Edziĝo.** — En Berno, S-ro *John F. Lochhead,* el Edinburgo, kun F-ino *Liny Christen,* el Berno.

S-ro *L. Littardi,* Del. en Porto Maŭrizio, kun F-ino *L. Gazzano.*

**Morto.** — Oni anoncas la morton de S-ro *A. Rohrer,* prezidanto de la Esp. Grupo de Lyss (Svisujo). La grupo de tiu loko perdas en li fidelan membron kaj Esperanto fervoran pioniron.

# Alvokoj

### Por Esperantistaj militkaptitoj

La Esperantistaj militkaptitoj ĉe *Königsbrück* (Saksujo) petegas la ĉiulandajn Esperantistojn, ke ili bonvolu sendi Esperantajn librojn kaj broŝurojn por plidolĉigi ilian malliberecon.

En ilia nomo, kun antaŭa danko:

*Ed. Zuber,* 5e Reg. Art. à Pied,
*Königsbrück* (Saksujo).

La grupo de la Esperantistaj internigitoj ĉe *Ile de Sieck* (Brest, Francujo) danke ricevus de la redakcioj de Esperantaj gazetoj kelkajn numerojn por tralego, eĉ malnovajn. En ilia nomo:

*F. Zwickl,* interné civil,
*Ile de Sieck,* Brest (Finistère, Francujo).

# Esperantistaj militkaptitoj

*Dek-dua listo*

*Borchers, D.,* el Stade (German.), Hôpital 19, Nevers (Franc.).
*Cossaro, Demetrio,* Del., Capodistria, civilinternigito en Wagna bei Leibnitz (Aŭstrio).
*Devjatnin,* el Rusujo, civilinternigito en Zivilgefangenenlager Traunstein (Bavarujo).
*Jvanoff, N.,* el Rusujo, I. Spital, Feldbach (Aŭstrio).
*Nabatow, G.,* el Rusujo, Baracke XI, I. R. 331, Theresienstadt (Aŭstrio).
*Travaglia,* el Trento, Kirŝanow (Tambow gub.).
*Tulak, R.,* el Bohemujo, militkaptito en Rusujo (loko nekonata).

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj adreson de la militkaptitaj Esperantistoj, kies adreso estas konata.

# REKLAMO

### KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.*
PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.*

DOETINCHEM (Nederlando). — S-ro Anth. C. Bakels, gimnaziano, Hotelo 't Zwijnshoofd, PI, PM, bfl kun fraŭlinoj (gimn-inoj k. t. p.) kaj kun sinjoroj el Balkano, Finnlando kaj Ekstereŭropo.

ELBING (Germanujo). — D-ro med. Erich Ebstein, Alter Markt 10/11, L, PK (pri diversaj temoj; kolektas ankaŭ PM).

ILE DE SIECK apud BREST (Francujo, Finistère). — S-roj Tomaso Paul, Honold Jozefo, Tiller Miĥaelo, Häfner Adolfo, Immerz Adolfo, Sedlmeier Jozefo, civilinternigitoj.

MANILA (Filipinaj Insuloj). — Majoro R. L. Bush, 13th Infantry, L, PI (kun ĉiuj landoj).

MEXICO (Meksikujo). — Lernantoj de la kurso ĉe Casa del Obrero Mundial, 9, S. Mosolinia (ĉiuspeca korespondado).

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Emilio Cambralla, 1576, strato Piedad, PK (prefere vidaĵoj pri urboj; kun alilandanoj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro N. A. Spicin, Bolŝaja Takimanka 50, kv. 55, PI, PM.

PHILADELPHIA (Usono, Pa.). — S-ro D-ro A. A. Jones, 1810, Jeffersonstr., L, PK (kun ĉiuj landoj).

RAUMO (Finnlando). — S-ro A. Stenros, 17, Alhodaiku (precipe kun gesamideanoj el ĉefurboj).

RAUMO (Finnlando). — S-ro Lauridaiko (kun ĉiulandaj gesamideanoj).

SEVILLA (Hispanujo). — S-ro Antonio Sáez, 13, str. Sierpes, PK, PI (kolorigitaj), bfl kaj PM.

SEVILLA (Hispanujo). — S-ro José Cervantes, Hospital Central, PK, PI.

SEVILLA (Hispanujo). — S-ro Joaquin Madurca, medicina studento, 11, str. Gonzalez Cuadvado, PK kaj PI (ankaŭ kolorigitaj).

SEVILLA (Hispanujo). — S-ro Marcelo Rufo, instruisto, 2, str. Patricio Saenz, PK, PI.

TAŜKENT (Rusa Centra Azio). — S-ro N. Rudnickij, poŝtoficisto, L, PK, PI, gazetoj, ĵurnaloj. (Ĉiam respondos.)

TEHERAN (Persujo). — S-ro Eug. F. Rebrik, Banque d'Escompte de Perse, PI (kun vidaĵoj de pejzaĝoj).

TEHERAN (Persujo). — S-ro N. G. Kovgankin, Banque d'Escompte de Perse, PI (kun virinoj de ĉiuj nacioj).

TEHERAN (Persujo). — S-ro Mamed-Khan-Meĥtiev, Banque d'Escompte de Perse (pri komerc-financaj kaj ekonomiaj temoj).

VUGHT (Nederlando). — F-ino J. Smulders, Kloosterstraat, PM.

URBANA (Usono, Illinois). — S-ro G. P. Ferree, 508, N. Goodwin, Ave.

### PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

AL MIAJ KORESPONDANTOJ! Mi petas pardoni, ke mi ne plu skribis, ĉar mi estas soldato de la 11 aŭgusto. Post la milito mi ĉiujn respondos. Fr. Dorner, Berkleimerstr. 18, Esslingen a. N.

AL DAISY LENNOX. Vian leteron mi ricevis. Via patrino.

RESTADO EN FRANCLANDO. — Studentoj-samideanoj dezirantaj komfortajn ĉambrojn, Esperantian akcepton, francan interparoladon, pianon, ĉiuspecajn leglibrojn, malnovajn, modernajn, klasikajn, fremdajn, skribu al S-ino Henriet-Nolotte, 33, strato Chabot-Charny, Dijon (Francujo).

# Karaktero

Ĵus aperis la 4a plibonigita kaj reviziita preso de **„Karaktero"** laŭ M. J. van Stipriaan Luiscius, advokato en Hago. En tiu moralfilozofia verketo, la aŭtoro pritraktas en 27 ĉapitroj la proprecojn de bona karaktero. Tre interesa por ĉiuj, kiuj sin okupas pri la demando de karakterformado. Prezo afrankite Sm. 0,25 ĉe la eldoninto J. L. Bruijn, Weimarstraat 282, Hago (Nederlando). Respondkuponoj, transpagiloj akceptataj.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO